


Año V (N.° 52)

Núm. 4

ABRIL 1953

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# BOLETIN
DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

## ◆ LOS ESPERANTISTAS Y LOS QUE NO LO SON ◆

**Para no faltar a la regla general, que requiere que medio mundo se burle del otro medio, los esperantistas entramos frecuentemente en juego como víctimas de esa ley. Y no es que nos pese mucho, porque ya sabemos a lo que vamos, y conocemos las flaquezas de nuestro prójimo. Pero de vez en cuando nos sale al paso algún prójimo con el colmillo excesivamente retorcido; y la dentellada nos duele, no por lo que nos lastima en nuestra propia carne, sino por cuanto significa mala intención con respecto a nuestra campaña lingüística, que por lo menos merece respeto de quien no comparte nuestros anhelos y entusiasmos, ni comprende nuestras ilusiones y esperanzas.**

**Entre los que no son esperantistas, podremos citar en primer lugar a los que ignoran total o parcialmente lo que es el Esperanto. Para regocijo de nuestros amables lectores, podemos asegurarles que hay quien cree que el Esperanto es un medicamento, y quien tiene la vaga idea de que se trata de una secta religiosa... No nos podemos quejar, puesto que también hay quien cree que el existencialismo es una moda del vestido, o mejor dicho, del desvestido, y aún queda por ahí quien opina que el hongo es una panacea. Tal ignorancia de lo que es el Esperanto es inexplicable entre gentes medianamente instruídas, en nuestro tiempo; pero nos cabe la esperanza de que, debidamente informados, puedan convencerse de nuestra razón y se avengan a ella.**

**En otro sector podemos considerar a los que creen que el Esperanto fué un ensayo cultural muy loable, pero que cayó en el olvido, y pertenece al pasado. De su craso error les sacará, más o menos pronto, el progresivo desarrollo del movimiento esperantista, y su aceptación por las más altas esferas en el mundo entero. También entre los despistados podemos incluir a los que, sabiendo que el Esperanto es un idioma auxiliar internacional, se creen muy listos al olfatear muy ladinamente alguna concomitancia más o menos inconfesable... Sentimos mucho apearles de su maligna categorización, pero lo cierto es que, junto a hebreos y musulmanes, también figuran entre los esperantistas convencidos gran número de católicos, entre ellos, destacados dignatarios de la Iglesia: obispos y cardenales, todos ellos alentados por la favorable opinión de Su Santidad, que además, como nadie ignora, es una verdadera autoridad en materia lingüística.**

**Pero, entre los no esperantistas, existe un sector, afortunadamente muy escaso, formado por escritores profesionales, quienes, carentes de imaginación y talento, encuentran en nuestros anhelos materia aparentemente propicia para lograr algún éxito cómico... a nuestra costa, naturalmente. No somos, los esperantistas, los primeros defensores de una idea o de un movimiento digno de respeto, que hayan sido pábulo de la mofa de espíritus exiguos. Hasta pudiera ser que nos sintiéramos molestos, si nos faltase el aguijón de la crítica o la burla injustas, que también nos pueden servir de estímulo.**

**Lo único que nos duele de esa pobre manera de comprender lo que de respetable tiene un publicista, es que con ello se defrauda y engaña miserablemente a los lectores, que tienen el derecho de que se les ilustre sobre un tema, del cual trata un escritor, no sólo desconociéndolo, sino bastardeándolo, con un asomo de gracia patológica. La crítica acerba, pero razonada, la enemistad y el ataque francos, sinceros, son respetables y dignos de consideración; la ignorancia más supina es capaz de corrección. Pero la burla mal intencionada, y con el sólo objetivo de perjeñar una crónica convertible en eso que se llama vulgarmente vil metal tan sólo merece el desdén con que se puede oir cualquier graznido, no capitolino, sino procedente de un modesto criadero de corral.**

Kongreso de Esperanto estas kombino de laboro kaj amuzo! Oni ne preterlasu do la okazon vivi la emocion de nia vigla nacia renkonto en Bilbao, la gastama urbo elektita nunjare por la granda festo de la hispana esperantismo!

# POESIA ESPERANTISTA

## WILLIAM AULD

En PROA, revista universitaria, editada por orden de la Jefatura del S. E. U. de Zaragoza, en su número del pasado Marzo, se publica, bajo este mismo título, el siguiente comentario que reproducimos con gusto por considerarlo merecedor de la mayor difusión

**La poesía Esperantista ha alcanzado actualmente un tal grado de perfección, que le da derecho a compararse con las poesías nacionales. En cantidad, naturalmente, queda muy por bajo de cualquier manifestación poética culta, de antecedentes históricos. Sin embargo, en percepción, en fuerza expresiva, posee un incomparable conjunto de obras maestras, de poemas únicos, que admiran cómo en una lengua auxiliar puede darse un conjunto tal de sensibilidad, de finura y de recursos para expresar dignamente los sentimientos anímicos del poeta. Además, tiene vida propia, posee un sentido más fuerte todavía que el idioma: es el espíritu de un pueblo que forma una familia aparte, bajo una bandera verde —de esperanza—, por implantar la paz en el mundo. Representa las aspiraciones de quienes viven unidos espiritualmente por encima de los límites humanos y de las fronteras.**

**La traducción de la poesía siguiente he preferido hacerla de una forma libre. No he querido limitar su alcance poético versificándola.**

M. MAB

## GLASGOW DE NOCHE

*En ambas orillas del aceitoso río*
*las construcciones se aprietan temerosas*
*como una bandada de espíritus silenciosamente (quejumbrosos*
*junto al oscuro Akeron. Cenagosa,*
*la sórdida agua lame unos postes de madera*
*en palmoteo burbujeante; al parecer, en la lejanía,*
*nebulosos tranvías arrastran unas colas (luminosas*
*en el dormido y pesado puente.*
*El viento sugestiona un almizclero de escombros.*
*Esclavos azotados por el látigo de la vida,*
*hombres-hormigas que luchan, roncan, arden,*
*en los pisos...*
*...En algún lugar, un barco*
*en un ataúd sin luna, tristemente se balancea...*

# LA KOLOROJ

## EN NIA HISTORIA MOMENTO

Ĉu vi eble ne rimarkis, ke ĝis hodiaŭ la kovertoj aŭ bindfolioj de la spiritaj aŭ piaj verkoj preskaŭ senescepte estis nigraj?

Ĉu vi ne ekvidis, ekde malmulte da tempo, ke oni aperigas tiajn librojn blanke, rozkolore aŭ blue vestitaj?

La afero estas facile klarigebla: Oni ja pritraktas subkonscian agon.

Ni memoru, ke en niaj landoj la nigra koloro, ekde jarcentoj, akompanas la malĝojon, la funebron, la morton. Do, nigraj kovertoj signifadis, ke la libroj tiel prezentitaj iamaniere malĝojigas, funebrigas, mortrilatas. La homoj ilin uzantaj vivadis trankvile, gaje, fortike; kaj por ke ili memoru pri aliuloj, oni devis irigi ilin al *neagrablaj* sentoj de funebro kaj morto.

Sed nun, bedaŭrinde, tiaj libroj estas plejparte skribitaj por ke doloritaj, ĉagrenitaj, funebrantaj popoloj trovu la ĝojon, la ĉi-teran beatecon (kiu ne estas sentuma feliĉo) kaj pro tio, neavertite oni ŝanĝis la koloron de la kovriloj, kvazaŭ dirante: Supren la animoj! Fido alportas esperon, gajecon, vivon!

EÚMA (Zaragozo)

A continuación publicamos el poema original:

## GLASGOVO NOKTE

Sur ambaŭ bordoj de l' river' olea
la konstruaĵoj kunpremiĝas time,
kvazaŭ animobando mute vea-

apud malluma Aĥerono. Ŝlime
la surda akvo lekas lignofostojn,
plaŭde, gargare; ŝajne malproksime

obtuzaj tramoj trenas lumovostojn
sur la dormema, peza pontoĝibo.
La vento sugestias rubomoskojn.

Sklavoj pelataj de la vivovipo,
formikohomoj pugnas, ronkas, brulas,
en la etaĝodomoj...
Ie ŝipo
malgaje en senluna ĉerk' ululas.

Del libro KVAROPO, recientemente editado en España por la editorial esperantista «Stafeto».

# ◆ LINGVA KONKURSO: LERNU TRADUKANTE! ◆

**Ni opinias, ke la sekvanta teksto ne fortimigos la amikojn de ĉi tiu rubriko, sed instigos ilin al profitodona laboro:**

Tasko n.° 4. TEKSTO: «Hay dos bellezas en un libro bueno: la belleza de la frase y la del contenido. Las frases de los libros bien escritos son una labor continua de gracia y de construcción. Escribir no es poner sencillamente una palabra detrás de otra. Es hacer algo más, es construir. Escriben así, con esta belleza retórica, con más frecuencia los filósofos que los literatos. Porque los filósofos se ciñen más a la claridad y acomodan más la frase al concepto». *De un artículo del conocido publicista Noel Clarasó.*

**Kiel kutime, oni povas gajni belan libron se oni sendas la tradukon, ĝis la 1.ª de Junio, al la adreso de**

**S-ro RICARDO QUILES, San Vicente, núm. 164 - VALENCIA**

***Laŭ multaj ricevitaj gratulleteroj, ni konstatis la intereson, kiun niaj legantoj havas por nia nova prilingva Sekcio, ĉar estas multaj, kiuj sin turnis al ni kun peto, ke ni ne ĉesigu ĉi tiun konkurson, pere de kiu ili sin ekzercas en la esperanta kono. Ni respondas al tiuj gesamideanoj, ke ni daŭrigos la lingvan konkurson dum ni trovos la simpation de niaj legantoj. La duan taskon partoprenis 29 konkursantoj. La duono proksimume faris nur unu aŭ du gramatikajn eraretojn; ceteraj tradukis ĝin korekte kaj inter ili ekzistas nur malgranda diferenco de stilo, kio tute ne gravas. Pro tiu motivo ni estis devigataj ankaŭ konsulti denove la sorton por la asigno de la premio inter ĉi tiuj lastaj, kiuj estas jenaj:***

**R. A. - F. R. - S. R. R. - M. A. P. - S. A. - A. E. R. - J. V. - V. O. - M. V. - J. S. - R. M. - J. M. F. - A. C. - L. Q. P.**

***La sorto decidis, ke la dua loto estu por samideano Marco Aurelio Perles, el Mosqueruela (Teruel), kiu ricevos per rekomendita poŝto la libron* ESPERANTO SESDEKJARA, *kune kun nia kora gratulo***

**Por kontrolo, jen la traduko de la koncerna fragmento el komedio de S-ro Jacinto Benavente**

«Kiam en nia animo leviĝas ia lumo, eĉ kvankam plej humila, se pro seniluziiĝo aŭ pro laciĝo ni volus ĝin estingi, ni devas pensi unue, ke jam ne sole estas nia la humila lumeto, kiu, se ĝi jam perdis sian valoron por ni, eble estas en la vivo unika stelo por iu vojiranto de la vivo, kiu sen ĝia lumo perdus la vojon, en la noktoj mallumaj de sia animo».

## EPIZODO

Antaŭ razejo preterpasis viro, kiu atente kalkulis de ekstere kiom da klientoj atendis la servon. Kvankam malmultaj, li kapneis rezigne kaj foriris.

Tio okazis dum kelkaj tagoj, antaŭ la malkontentaj rigardoj de la mastro. Fine, la stranga observanto venis en momento, kiam la klientaro estis sufiĉe multenombra. Li kalkulis kaj tuj malaperis, kun plaĉa mieno. Tiam, la mastro ordonis al la grumo:

—Iru rapide malantaŭ tiu strangulo kaj sciu, kion li faras.

Iom poste, la grumo revenis kaj diris:

—Unue, li aĉetis belan skatolon kun bombonoj; poste li akiris bukedon; kaj, fine, li eniris en la domo...

—En la sia, kompreneble...

—Ne, mastro, en la via!

Du biciklistoj (unu el ili strabulo) kuradis tre rapide unu apud la alia. Sed, en stratangulo ili interkruciĝis kaj ekfalis teren. La strabulo, stariĝinte, kolere kriis:

—Zorgu pli, vi devas rigardi, kien vi iras!

—Kaj vi devas iri, kien vi rigardas!— respondis la alia. **ALBERTO MADRILES**

## SFINKSA ANGULETO

### LA BARELOJ

***Tri fiŝkaptistoj trovis la restaĵojn de ŝippereo, inter kio estis dudek-unu bareloj de vino: sep el ili estis malplenaj; aliaj sep, tute plenaj, kaj la sep ceteraj, nur duonplenaj. La fiŝkaptistoj decidis dividi inter si la barelojn laŭ maniero, ke ĉiu posedos saman kvanton da vino kaj saman nombron da bareloj. Sed, tial ke ili ne disponis je ĉerpilo por transverŝi la vinon de barelo al barelo, la distribuo fariĝis malfacila; tamen, ĝi efektiviĝis plensukcese. Kiamaniere?***

**Oni akceptos solvojn, por la premio, ĝis 23 Majo.**

SOLVO DE LA **MATEMATIKO EN KOKINEJO**
EN LA PASINTA NUMERO

**12 kunikloj kaj 23 kokinoj**

DIFINO.—Gripo estas malsano, kiu okazas dumvintre, por ke kuracistoj povu amuziĝi dumsomere.

VIA RIPOZO DEVAS ESTI ALIA AKTIVECO. *Anonima Proverbo*

# INTER LA PROZO DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

Kun la frua printempo, kiam burĝonoj krevas en la ĝardenoj, kaj akneroj en la vizaĝoj, la modesta balailo fariĝas sceptro en manoj de dommastrinoj, kiuj kuraĝe kaj decideme pakas matojn kaj purigas angulojn de ĉambroj kaj mebloj, kvazaŭ higiena adiaŭo al la frosto de la vintro. Ankaŭ mi, sekvante tiel bonan kutimon, klopodis por meti iom da ordo en mia propra dometo; sed... granda vero estas la aserto, ke ne venas ordo sen antaŭa malordo; ĉar, pretigante definitivan lokon por ĉiu objekto aŭ objekteto, mi dronas nun sub staplo da papero kaj papero de garditaj skribaĵoj aŭ de akumuliĝintaj gazetoj.

Tamen, por ĉio estas tempo, se la volo helpas; kaj, laŭ tia devizo, post multe da peno, mi povis sukcese liberigi brakon por komenci skribi nomojn kaj titolojn, en vicoj da vortoj, kiel kutime en mia revuado:

En la printempa ĥaoso de mia ĉambro, *flosas* kelkaj centraj gazetoj, kiujn mi ne jam pli ofte aludis pro tio, ke ili estas sufiĉe konataj. Tamen, neniam kaj neniel la prestiĝo devas esti malavantaĝo; ili do okupas hodiaŭ sian lokon: la prezidejon! ESPERANTO, la oficiala organo de U. E. A. de numero al numero plivalorigas sian enhavon, en kiu ĉiam oni trovas trafajn konsilojn kaj admonojn, nepre atentindajn se oni deziras gajni seriozajn konsiderojn al nia movado. Pri du artikoloj speciale mi avertas: «Krizo de nia Literaturo», de D-ro Ivo Lapenna, kaj «Imito de Fremdaj Lingvoj», de S-ro Juliano Tuwin, laŭ la adapto kaj traduko de S-ro M. Waysblum, kiu liveras tre kuriozajn argumentojn je defendo de Esperanto, nia komuna interligilo. SENNACIULO, la oficialulo de S. A. T., ĉiam freŝa kaj vigla, kvankam ankaŭ ĉiam pikema... En ĝia enhavo, krom la kutima pritrakto de sociaj temoj, kun aldono de sciencaj kaj literaturaj pecoj, troviĝas bonaj prilingvaj artikoloj. S-ro Lucien Laurat diras en unu el ili: «Esperanto restos fremda lingvo (aŭ dua lingvo) tiel longe, kiel la plejmulto de la esperantistiĝontoj demandos: Kiel prononciĝas tiu ĉi litero? Ĝi ĉesos esti fremda lingvo kaj atingos samgradecon kun la naciaj lingvoj, kiam denaskiĝaj esperantistoj *unue parolos* nian lingvon kaj *nur poste lernos ĝin legi kaj skribi*». S-ro Ismael Gomes Braga, kara brazila amiko, metas finon al alia sia artikolo per jenaj vortoj: «La aŭtoroj de novaj artlingvaj projektoj tro okcidentaj ne komprenis, ke lingvo estas senfina frazaro, esprimaro, kaj ili penas fari nur taŭgajn gramatikon kaj vortaron. Zamenhof pri tio estis genia; li komprenis, ke efektiva lingvo estas senlima frazaro, kiun povas prepari ne unu homo en unu tempo kaj unu loko, sed multaj homoj en, diversaj tempoj kaj lokoj». Agrable estas, do, konstati, ke pri pure lingvaj aferoj regas efektiva samideaneco, inter plej diverspensantaj esperantistoj. HEROLDO DE ESPERANTO, admirinda ekzemplo de persisto, estas akurate diligenta kuriero por la plej aktualaj informoj. Cetere, ĝia sendependa karaktero, kiel ordinara privata entrepreno, liveras aŭtonomion al ĝiaj opinioj aŭ sugestoj, kun la garantio de multjara honesta agado. La ekzemplero, kiun mi nun legas, prezentas en sia frontpaĝo ampleksan recenzon pri «Kvaropo», la valora poemaro, kiun hispana eldonejo prezentis antaŭ ne multe en formo de eleganta volumo, sub la kompetenta gvido de ĝisosta fervorulo kaj lojala amiko J. Régulo Pérez. En komento pri la disvastigiteco de nia lingvo en Greklando, tute sincere oni diras vortojn pri aspektoj ne kompreneblaj en la tiea movado: «Estas strange, ke el la miloj da personoj instruitaj pri nia lingvo, en la daŭro de la jaroj, ne fariĝis eĉ unu paganta abonanto por HELENA ESPERANTISTO, kaj ŝajne ankaŭ ne ekzistas en Greklando esperanta organizaĵo de ioma signifo. D-ro Stamatiadis skribas en sia artikolo, ke li klopodos trovi helpantojn inter la plej bonaj ekslernantoj, kaj ke la revuo eble reaperos sub la sama aŭ alia titolo, sed nepre sub alia direktado». LA PROGRESANTO, tiu ŝatata malgranda sed granda folio bonhumore pripensigas per saĝaj deduktoj en frontpaĝa artikolo: «Ĉu geedziĝo inter Lingvo kaj Aritmetiko?» kie oni sprite raportas pri la projektoj konstrui kaj eĉ provi jam ekfunkciigi tradukmaŝinon...

Arogaj estas la pretendoj de la moderna tekniko; tamen, se per klavo oni povas manipuli metalajn literojn, multe mi dubas, ke oni povos tiamaniere vivigi sentojn, kies meĥanismo funkcias nur laŭ takto de vibroj en la fibroj de la koro, same kiel nun la printempo envolvas, per la sorĉo de sia parfumo, la plej intimajn pensojn de LA LEGEMA KOBOLDETO

# ESPERANTISTA SEMAJNO EN BARCELONO

Barcelono, la bela kaj grava urbego, centro de industrio kaj komerco, nesto de kulturo kaj progreso, estis dum pli ol unu semajno sub pluvo da sciigoj, raportoj, komentoj kaj intervjuoj, en gazetaro kaj radio, pri la «Esperantista Semajno» sukcesplene okazinta ĉe *Casa de Valencia* («Valencia - Hejmo», regiona kultura societo) de la 29ª de Marto ĝis la 4ª de Aprilo.

La «Semajno» komenciĝis per intervjuo de «Radio Barcelona» al S-ro F. Artés, prezidanto de la organizinta societo, kiu per elokventaj frazoj invitis ĉiujn ĉeesti la diversajn aranĝojn. Komplemento al ĉi tiu voko estis la informoj de aliaj radio-elsendoj en ceteraj stacioj kaj en ĉiuj ĵurnaloj. La inaŭguro estis vera soleno, kiun plej bele poluris D-ro M. Solá, el Tarrasa, per sia majstra malferma prelego: «La diverslingva problemo kaj ĝia solvo per Esperanto» temo, kiun science kaj fakerte prezentis nia kompetenta samideano.

Vespere, en la sama tago, faris salutparoladon S-ro Artés, prezidanto de *Casa de Valencia,* kiel enkondukon por la publika internacia diskutado, kiu sekve okazis en ege flua Esperanto, kun interveno de jenaj gesamideanoj: S-ro Saumell, de Manresa; S-ro Mimó, de Sabadell; S-ino L. Bernaerts (belgino); S-ro A. Kassai (hungaro) kaj la diligenta organizinto, S-ro R. Gisbert, de Barcelono. La salono estis plenplena de distinginda publiko, inter kiu troviĝis elstaraj gesamideanoj, landaj kaj eksterlandaj, el inter ĉi-lastaj: F-ino M. Jung kaj S-ro C. Berghänel, krom la jam menciitaj S-ino L. Bernaerts kaj S-ro A. Kassai.

Zorga kaj tute perfekta antaŭpreparo ebligis la sukceson de tiel brila inaŭguro.

La Ekspozicio estis unu el la plej imponaj ĝis nun okazintaj en nia lando. Forte impresis la vizitantojn la ekspozita telegramo de Lia Ekscelenco, la Ŝtatestro, salutante la kongresanojn, okaze de la 13ª Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio. S-ro F. Gallo, en la ŝtata radio-stacio «Radio Nacional» faris interesajn demandojn pri Esperanto, en intervjuo, al la organizinto S-ro R. Gisbert. La vere altaj kvalitoj de ĉi tiu esperantista aranĝo estigis spontanean kunlaboron de ĵurnalistoj, kio multe helpis por serioza propagando de nia afero, ĉar daŭre dum la tuta semajno la ĝenerala publiko, la tuturba loĝantaro, povis legi kaj aŭdi pri la sana vivanteco de nia internacia lingvo. Atesto pri tio estas la komento, aperinta en prefera loko de la plej grava ĵurnalo de Barcelono, «La Vanguardia Española», laŭ jena priskribo, kiun ni tradukas:

FERMO DE LA ESPERANTO-EKSPOZICIO

«Oni solene fermis la Esperanto-Ekspozicion, kiu okazis ĉe *Casa de Valencia,* pri kies enhavo siatempe ni donis oportunan raporton, kaj kiu signifis alian pruvon pri la amplekso de la intelektaj horizontoj de nia urbo kaj pri la garantio sur kiu povas en ĝi disvolviĝi ĉiuj ajn kulturaj taskoj. En la ferma kunsido disertis la sperta fakulo, S-ro Filiberto García Hurtado, kiu, argumentante pri la neregulaĵoj de la naciaj lingvoj, prezentis la bezonon, kiun oni havas, de lingvo internacia, kiel estas Esperanto. La publiko, kunveninta por la prelego, faris lastan viziton al la interesa ekspozita materialo en kiu rendevuis harmonie la esprimriĉaj kaj plastikaj valoroj kun la scienca solideco».

Ni ŝuldas tiun sukceson al la organizkapablo kaj talento de nia veterano S-ro R. Gisbert, kunhelpata de S-ro R. Molera, unu el la plej firmaj kolonoj en la interna strukturo de nia organizo. Ankaŭ plej efike kunlaboris, inter aliaj, S-ro V. Hernández, gvidanto de la Informa kaj Kunordiga Sekcio de nia Federacio; S-roj Aldeguer, Claramunt kaj Arrán, prezidanto, vic-prezidanto kaj konsilanto en la Esperanto-Fako de la Kooperativo de manteksistoj; S-roj Llobet, de Manresa; Mimó, de Sabadell; Chaler, de Tarrasa, kiuj, kune kun S-roj Barrufet, Pérez kaj Moreno, kontribuis al la brilo de la entrepreno. S-ro E. Hurtado, kasisto de la Federacio, estis en daŭra korespondado kun la organizinto, helpante lin per konsiloj kaj sugestoj, je nomo de la Estraro.

Kiel pozitiva epilogo, jam funkcias kurso ĉe *Casa de Valencia* kun akurata partopreno de multenombra lernantaro, en kiu estas reprezento de plej diversaj profesioj kaj oficoj. Menciinda estas la fakto, ke unu el la metiistoj ĉeestas la lecionojn kun sia 10-jara fileto. Tial, ke la grundo estas fekunda kaj la semo bona, espereble la rikolto estos abunda, por konfirmi la famon de Barcelono, la kataluna ĉefurbo, kiel nesto de kulturo kaj progreso.

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● JAPON. – Desde enero, los profesores de las Facultades adscritas a la *Universidad* de Kyusyu han decidido publicar resúmenes en Esperanto de sus tesis sobre Matemáticas. Además, publican también artículos en el idioma auxiliar varias revistas universitarias, entre ellas «The Gunma Journal of Medical Science» y «The Journal of the Osaka University of Foreing Studies», demostrando con ello un claro sentido de la lógica.

● ARGENTINA.—«Vea y Lea», la conocida revista sudamericana de divulgación, en su número del 4 de diciembre pasado, publica a tres páginas un artículo ilustrado, sobre el Esperanto, con el siguiente título en este mismo idioma: «Esperanto, universala helpa lingvo, povas atingi la miraklon pri la interkompreno kaj unuiĝo inter la popoloj». (El Esperanto, lengua auxiliar universal, puede lograr el milagro de la unión e intercomprensión de los pueblos).

Después de la ascensión al famoso pico Aconcagua (véase Boletín núm. 28, página 238) *realizada por el esperantista Tibor Sekelj* (yugoslavo, actualmente en Guatemala), a principios de año un grupo de excursionistas japoneses, acompañados por el esperantista Katsuo Miyachi (residente en Buenos Aires, donde lleva la dirección de la revista «Akoku Nippo», destinada a la numerosa colonia japonesa de la ciudad bonaerense), intentaron la ascensión a dicho pico andino, sin conseguirlo a causa del mal tiempo reinante.

● BRASIL. — En el «Instituto de Alfabetizaçao para Cegos«, de Sao Paulo, ha empezado un curso de Esperanto por el método Braille de lectura para los no videntes.

El diario »A Naçao», de Porto-Alegre, publicó en su número del 15 de Octubre pasado una detallada crónica sobre la 2.ª Reunión Universal Eucarística Esperantista, en Barcelona, que tuvo lugar oportunamente, durante el Congreso Eucarístico Mundial.

● DINAMARCA. — La «Asociación Nacional Excursionista» desea introducir el *Esperanto en sus relaciones; a tal fin, prepara* la edición de un folleto en el idioma auxiliar sobre su organización e invitando visitar el Hogar Excursionista «Vesterled», en la bella y pintoresca ciudad de Holbaek (60 kilómetros al norte de Copenhague).

● ITALIA. — El Ayuntamiento de Milán ha concedido una subvención de 50.000 liras al Grupo Esperantista local. El Esperanto es enseñado en las escuelas de la ciudad, donde existe una importante calle rotulada con el nombre de «Doctor Zamenhof».

La »Editorial Noseda», de Como, ha publicado *la traducción en Esperanto de los* poemas de Giovanni Pasioli. «L'Igiene Moderna», revista editada por el Instituto d'Igiene» (Viale Benedetto XV - GENOVA) publica resúmenes en Esperanto de sus artículos médicos. Luego de «Acta Orthopoedica Belgica» (Bélgica) y «Journal de Médecine de Lyon» (Francia), sigue en marcha ascendente la difusión del Esperanto en las revistas y centros culturales médicos de las principales naciones del mundo.

● FRANCIA.—«Manufacture Française d'Armes et Cycles», de Saint-Etienne, emplea el Esperanto con gran eficacia en su último catálogo de productos industriales.

● ESPAÑA.—«Radio Visión», revista técnica (Apartado de Correos 11.011 - MADRID), en su número de marzo anuncia el inmediato comienzo de un curso de Esperanto para sus lectores y sección de intercambio de correspondencia entre radiotécnicos del mundo. En su *artículo «Traducción simultánea por radio»* opina que este sistema es una momentánea solución técnica, que puede ser aprovechada hasta el día de la adopción del uso lógico del Esperanto, como idioma auxiliar para las relaciones internacionales.

---




## XIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO

### *7 - 8 - 9 - 10 de Agosto de 1953 en BILBAO*

**Va en aumento el número de adheridos que, atraídos por el interesante programa confeccionado, se dan cita en la hermosa Villa norteña para demostrar la pujanza del esperantismo español. Se prepara la edición de unas vistosas postales, a SIETE colores, que se pondrán a la venta el próximo mes de Mayo; mientras tanto nadie debe dejar de adquirir los sellos del Congreso y darles *la mayor* difusión posible, completando con ellos toda la correspondencia que se curse.**

**¡No esperéis a última hora! ¡Anticipaos a las aglomeraciones! Facilitaréis así las gestiones del**

**Comité Organizador del XIV Congreso Español de Esperanto.** Ronda, 32-BILBAO

**INFANOJ DE LA ATOMBOMBO.** Originale kompilita de Osada Arata. Tradukita de Kansai-Ligo de Esperantaj Grupoj. Eldonita de Japana Esperanta Librokooperativo, 72 - Kitaoogimaĉi, Kita-ku, Osaka (Japanio) Formato 13 x 18 cm, 70 paĝoj. Prezo: 0'4 dolaroj aŭ 6 respondkuponoj.

Por esperantisto estas ĉiam agrabla tasko disvastigi ideojn, kiuj iel kontribuas al starigo de daŭra paco inter la homoj. Tial, plej volonte mi akceptis la taskon verki ĉi tiujn liniojn por varme rekomendi ĉi tiun libron al ĉiuj geesperantistoj, speciale se ili estas patrinoj aŭ instruistoj. Ĝi estas la alvoko de geknaboj de Hiroŝimo, kiuj kortuŝe rakontas siajn terurajn travivaĵojn, okaze de la eksplodo de la atombombo en la 6ª de Aŭgusto 1945. Ankoraŭ ne forpasis jardeko kaj ŝajnas, ke la homaro forgesis, ke 247.000 homaj estaĵoj estingiĝis en unu sama momento! Ĉiuj pacamantaj esperantistoj devus aĉeti ĉi tiun belan libron kaj ĝin montri al aliuloj, por ke ili vidu tion, kion ni ankaŭ travivos, se ni obstine ne donas nian kontribuon al forigo de la kaŭzoj, kiuj produktas tiaspecajn militojn. Ok tre interesaj fotografaĵoj, montrantaj la bedaŭrindajn sekvojn de la eksplodo de la atoma bombo, pligrandigas la valoron de ĉi tiu verko, kiu en sia originala eldono vekis sensacion, kio certe ankaŭ okazos en la bela esperanta traduko.

J. JUAN FORNÉ.

---

**RADIOVISION.** Hispana ĉiumonata teknika revuo. Redakcio: Nueva Avenida, 11 - MADRID (Hispanio)

Atingis min la 12ª numero de ĉi tiu interesa hispanlingva revuo pri radiotekniko, televido kaj elektrotekniko, kiu ekde siaj unuaj numeroj publikigas esperantlingvajn resumojn pri la teknikaj artikoloj. La ekzemplero, kiun mi recenzas enhavas interesajn rubrikojn pri industria elektroniko, konstruado de magnetofonaj aparatoj, elektronaj muzikinstrumentoj...

Ĉi tiu numero enhavas ankaŭ artikolon pri Radio S.E.U. de Madrido, la radiostacio, kiu, ekde la pasinta jaro, regule elsendas Esperanto-programojn. Ili estas tre favore menciitaj. Ankaŭ en ĝi aperas anonco, per kiu la eldonantoj sciigas la baldaŭan publikigon de Esperanto-kurso, ebligonta al la hispanaj radioteknikistoj korespondi kun tutmondaj kolegoj. Estus, do, tre konvene, ke la eksterlandaj radioteknikistoj sin turnu al la redakcio de ĉi tiu faka revuo, por rilati kun hispanaj kolegoj.

**POST LA KURSO - Perfektiga libro de Esperanto** de Wilhelm kaj Hans Wingen. Eldonis «Verlag der Limburger Vereinsdruckerei». Diezerstrasse, 17-19 Postfach, 39 - LIMBURG-Lahn (Germanio). Ĝi ampleksas 100 paĝojn kaj kostas 3'60 gm. plus 10 °/₀ por afranko kaj pakumo. Lingve aprobita de Germana Esperanto-Asocio.

Por germanlingvanoj ĵus aperis ĉi tiu gramatika broŝureto, celante perfektigan kurson al gelernantoj. Oni ekzercas la gustan parol- kaj skribmanieron Esperantan; interkromaj germanlingvaj klarigoj ebligas, ke la lernado estu kompleta; estas interesa la detala konigado pri uzo de prepozicioj kaj la vortfarado per afiksoj; ĉefa kono, kiun nepre oni devas scii pri aglutina lingvo, kiel estas Esperanto.

Ĉio estas klarigata per amuzaj ekzemploj kaj rakontetoj, kion certe ŝatos la gelernantoj, kiel ĉiuj ŝatas ĉie; do, rekomendinda uzo; klaraj presliteroj kaj bela presado kompletigas la bonan broŝuron.

**JARLIBRO DE U. E. A. 1953 - Unua parto.** Eldonis Universala Esperanto-Asocio Heronsgate RICKMANSWORTH (Herts.) Anglujo. Neaĉetebla, sed rekte ricevebla nur de individuaj UEA-membroj, laŭ kotizo sur paĝo 46.

Kiel pasintajare, jam dum Februaro estis dissendita la ĉijaran volumeton, gvidilo de la Esperantistaro, por konigi multflankajn sciigojn de la movado: landaj asocioj, kunlaborantaj fakaj asocioj; esperantista gazetaro; reto da delegitoj, tre diversaj aranĝoj dum 1953, kaj multaj aliaj sciigoj. Resume, utilega konsultlibro.

ERNESTO HURTADO.

---

**DIE REISE** (La Vojaĝo) eldonita de Freda-Unger Verlag. Prezo: 1 svisa franko. Adreso: Mühlebachstr. 47 - Zürich 22 (Svisio). Por leteroj: Poŝtkesto 337.

Jen belaspekta kaj riĉe ilustrita germanlingva revuo, kiu aperas monate kaj ankaŭ uzas Esperanton en siaj internaciaj rilatoj. La numero de lasta novembro enhavas trafplenan pro-Esperantan artikolon, kun titolo ESPERANTO PAROLATA, kie oni klarigas la utilecon de nia lingvo, kiel viva organo en la tutmondaj vojaĝoj, korespondado, eldonejoj k. t. p. laŭ la plej praktikaj aplikoj en la nuntempo.

Aparte estas aliaj fakoj, ekz. pri artplenaj urboj, vojaĝoj de la 16ª jarcento, sciigoj, recenzoj kaj ceteraj priskriboj.

Mi gratulas tiun eldonejon pro sia efika laboro kaj estas certa, ke ĝi atingos plenan sukceson en sia bela entrepreno.

M. RODRIGUEZ (Madrido)

**INTERNACIA ARKEOLOGIA TENDARO EN DANLANDO**

Denove «Dana Internacia Studentkomitato» kunlabore kun «Internacia Federacio de Esperantistaj Studentoj kaj Altlernejanoj» aranĝas internacian arkeologian tendaron por 1953.

La dana ŝtato donis, dum la kvar lastaj jaroj, 25.000 d. kr. por ĝi; la tendaranoj elfosos vikingan fortikaĵon, apud urbo Hobro, en Nordjutlando.

Ĉiuj gestudentoj kaj altlernejanoj povos partopreni la tendaron; nur oni postulas, ke la partoprenontoj flue parolu Esperanton.

Petu senpagan programon de Dana Internacia Studentkomitato Universitato

**Sct. Pederstrade, 19 - KOBENHAVN K. (Danlando)**

La pasintjare starigita «Internacia Federacio de Esperantistaj Studentoj kaj Altlernejanoj» organizos, de la 1ª ĝis la 8ª Aŭgusto, Internacian Konferencon en Ljubljana (Jugoslavio).

Krom ekskursoj, distraĵoj, serio da prelegoj pri kulturaj temoj, k. t. p. oni pritraktos temojn, rilate studmanierojn, kaj studeblecojn ĉe diversaj landoj

**Interesatoj sin turnu al:** I. F. E. S. A. - **Laksegade, 35**
KOBENHAVN K (Danlando)

# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a ABRIL 1953)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1.769 | Ptas. |
| J. Boluda - Ollería | 10 | » |
| J. Armadans - Moyá | 10 | » |
| F. de la Puente - Zaragoza | 10 | » |
| X. Z. - Y. | 24 | » |
| J. Geli - Barcelona | 10 | » |
| M. Monleón Burgos - Bogotá | 10 | » |
| M. Monleón Carreras - Bogotá | 10 | » |
| Sennoma, sed ne senkora - Antwerpen | 50 | » |
| L. Bernaerts - Antwerpen | 65 | » |
| Fred Turner - Hackefors | 100 | » |
| Total | 2.068 | » |

***Esta vez hay predominio forastero. En la próxima superemos, pues, la diferencia.***



## *NASKIĜO*

*Samideano el Madrido, Celestino Esteban López estas patro de ĵus naskita infanino, kies nomo estos Olga. Bonvenon al ŝi!*

*Ankaŭ la cikonio ĵus donacis infaninon al nia amiko el Valencio, ekskasisto de la Federacio, Francisko Roglá, kiu multe ĝojas pro la okazaĵo, kune kun sia edzino.*

*Al la feliĉaj gepatroj, sincerajn gratulojn!*

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

Mi aranĝas piediradon al Kongreso de Bilbao, ekde Valencia tra Sagunto, Teruel, Ariza, Soria, Logroño, Vitoria; ĉiu, kiu deziras partopreni en la ekskurso, sin turnu al S-ro Vicente Bayo
**Llacuna, 1 - 1.º, 2.ª ◇ BARCELONA P. N.**

— S-ro José Carlos Silva Lucas, 19-jara samideano, dez. koresp. kun hispaninoj en Esperanto, hispana kaj franca lingvoj —
**Vale de Figueira, Santarem (Portugalio)**

«Internaciaj Feriaj Kursoj» (sub aŭspicio de U. E. A.) okazos en Helsingor (Danlando) de la 18ª ĝis la 25ª Julio
**Petu sciigojn al: S-ro L. Friis - Ingemannsvej, 9**
AABIHOJ (Danlando)

## BERLIN DE HODIAŬ

Jen la titolo de esperantlingva faldfolio, unuafoje eldonita de la turisma trafikoficejo *«Verkehrsamt Berlin»*, **Fasanenstr. 7-8**
**Berlin-Charlottenburg 2 (Germanio)**

Ĝi promesis daŭrigi la uzadon de Esperanto, se montriĝos kontentiga bezono. Do, amase skribu al la indikita adreso, petante turismajn informojn, por baldaŭ elĉerpigi la provizon de la menciita faldfolio!

**XXXIª FOIRO DE PADOVA**

Okazos de la 1ª ĝis la 14ª de Junio de 1953. Ĝi prezentiĝos renovigita laŭ teknikaj kaj organizaj vidpunktoj.

**Informojn al interesatoj esperantlingve donos:**
**Fiera di Padova**
Via N. Tomaseo, 59 ⁘ PADOVA (Italio)



PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA